12-a jaro. — N-ro 2 (132) FEBRUARO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

**Fondintoj:** L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. BOEREN, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, M. JAUMOTTE, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.





**JARA ABONPREZO: Fr. 10.—**

**EKSTERLANDE: Fr. 12.50**

ANTVERPENO

1926

# Proksima

# Belga Kongreso

# LA PANNE

# Pentekosto 1926

12a JARO. N-ro 2 (132) FEBRUARO 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Poŝtĉeko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## SUBTENO VENAS.

Tre certe, — ni bonege komprenis tion ni mem —, la neregula aperado de nia revuo estis kaŭzo, ke kelkaj abonantoj, kiuj tion kapablas fari, ne sufiĉe interesiĝis pri nia gazeto.

Ni jam nun, dum la lastaj semajnoj, eksciis, ke diversaj bonvolemuloj, kiuj rimarkis niajn klopodojn por aperigi kiom eble plej rapide la lastajn kajerojn de la antaŭa jaro, kaj la unuan de la nuna, kaj kiuj legis nian alvokon en la numero de Januaro, estas pretaj kunlabori kun ni. Ni jam ricevis diversajn leterojn, kiuj pruvas sufiĉe la interesiĝo.

Por faciligi niajn interrilatojn kun niaj kunlaborantoj kaj samtempe ŝpari tempon kaj monon, ni decidis malfermi specialan rubrikon «Leterkesto» en kiu ili trovos sub ĉi tiu titolo nian respondon pri liaj eventualaj sendaĵoj kaj pri eblaj demandoj.

Ni jam en nuna numero tiele respondas al la dum la lastaj tagoj alvenintaj leteroj.

B. E.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

### 20-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Antverpeno 1928.**

La loka organiza komitato decidis aldoni al si specialan Gazetaran Sekretarion, kaj elektis por tiu funkcio S-ron Maurice Jaumotte.

La komitato sin ekokupis pri la interna organizo de la kongreso, la preparado de favora atmosfero por la kongreso inter la loka loĝantero, kaj la ĝenerala propagando por nia urbo kaj haveno inter la tutmonda Esperantistaro. Por ne malhelpi la propagandon por la kongresoj de 1926 kaj 1927, la granda propagando por la kongreso mem devos komenciĝi nur de la dato de la 19-a Un. Kongreso.

# NACIA MONKOLEKTO POR LA SUBAKVIGITOJ

—o—

UNUA LISTO DE LA BELGAJ ESPERANTISTOJ.

| | | |
|---|---|---|
| Genta Grupo Esperantista | fr. | 135.— |
| Léon Champy, Antverpeno | fr. | 50.— |
| Grupo «La Verda Stelo», Antverpeno: | | |
| Oscar Van Schoor | fr. | 20.— |
| R. Broeckhove | fr. | 5.— |
| B. Horemans | fr. | 2.— |
| H. Horemans | fr. | 2.— |
| Jos. L. Janssens | fr. | 2.— |
| J. Weissenborn | fr. | 2.— |
| Edg. De Coster | fr. | 10.— |
| W. De Schutter kaj G. Kenens (2a pago) | fr. | 10.— |
| E. Tiquet | fr. | 5.— |
| «Suda Lumo», Antverpeno | fr. | 35.— |
| | fr. | 278.— |
| Unua listo: | fr. | 150.— |
| | fr. | 438.— |

Pagu al postĉekkonto 6566 (Croix-Rouge de Belgique — Rood Kruis van België) aŭ al p.ĉ. konto 133.767 de Belga Ligo Esperantista, kun mencio «Por la subakvigitoj».

# LA PULCINELA KELO DE ANTVERPENO

La «Pulĉinela Kelo» en Antverpeno, estas jam ege malnova spektaklejo, kiu datumas verŝajne el tiuj pratempoj, kiam unuafoje la «Théâtre des Marionettes» aperis sur la foirejoj, en la vilaĝoj kaj urboj.

Ĝi estas lokita en la tre malnova kvartalo de la urbo, nomata «Bloedberg» (Monto Sanga), en mallarĝa strateto. kontraŭ la «Vleeschhuis» (Domo de la Buĉistoj), kiu nun estas muzeo, kaj en la mezepokaj jarcentoj estis kunligata al la malbonfama «Steen» per subtera koridoro.

Ekstere, preterpasanto neniamaniere kapablas vidi, kie estas la «Pulĉinela Kelo»... Nur kelkaj preskaŭ ĉiuj similaj, ruiniĝontaj dometoj ftizaj, pene klopodas spiri, kontraŭ la ŝajne-nova brikgrandegulo «Vleeschhuis». Unu el tiuj fi-dometoj havas krom la pordeto, kiu ebligas la eniron, alian multe pli malaltan enirejon. kiel havas multaj kafejoj kaj magazenoj kaj per kiu la liverantoj «enkeligas» la bier- kaj vin-barelojn, la holandajn fromaĝojn kaj aliajn vendotaĵojn. Ni mensogus se ni dirus, ke tiu pordeto estas unu metron alta, tamen ĝi estas duklapega kaj do proks. same larĝa kiel alta.

Nur fleksante sian korpon ĝis rekta angulo, la vidontemuloj tiun delic- kaj plezurlokon kapablas eniri, kaj post malsupreniro de la kvar aŭ kvin, ŝtupoj, oni eniras okre-kolorigitan preskaŭ kvadrataspektan kelon, kiu maksimume mezuras dudekvin kvadratmetrojn.

Se ni konsideras, ke la alteco estas proks. du-metra, iom pli je unu flanko, iom malpli aliflanke, kaj ke la «schavies»- aŭ direktor-edzino garantias cent sidlokojn kaj dudekkvin starlokojn, la kuracistoj, helpataj de la teorio de la relativeco de Einstein, facile povos kalkuli la ŝancprocenton,kiun havas la spektatoroj eliri plenvivaj el la kelo; kaj se ni aldonas, ke ne nur la fornoforma aperturo de la scenejo rememorigas al panbakejo, sed multe pli eĉ la infera temperaturo, kiu tie regas, tiuj samaj kuracistoj pli facile ja povos kalkuli kiom, inter la cent dudek unu Verdstelanoj kiuj vizitis la kelon, tiun malvarman kaj malsekan vesperon de la dua de Januaro, kapablos ankoraŭ ĉeesti nian nacian kongreson en La Panne.

Sed, haltu ni la ŝercon... kaj daŭrigu ni la priskribon: En tiu kelo, simila al multaj aliaj keloj, kaj kiu estas lumigata de du gasbruliloj, unu supre de la scenejo, alia apud la enirejo, estas dek benkoj. Ni nomu ilin tiele, kvankam nur estas dekcentimetrojn larĝaj tabuletoj, kiuj kun interspaco de tridek centimetroj estas najlitaj unu malantaŭ la alia kaj parelele al la scenejo. De la sesa ĝis la deka benketo, la sidiloj estas metitaj sur dekliva planko, tiamaniere ke la personoj, sidiĝantaj sur la lasta benko, preskaŭ per la kapo tuŝas la plafonon.

La iomete vastkorpuloj inter niaj legantoj eble al si demandas kiamaniere ili sidiĝus sur tiom mallarĝaj kaj tiom proksime lokitaj benkoj. La rimedo estas sufiĉe facila: ne nur estas la benkoj kiuj formas la sidiloj, sed ankaŭ la genuoj de la ĉarmaj, malantaŭ si sidiĝantaj fraŭlinoj, kiuj multnombraj ĉiam ĉeestas la reprezentadojn de la «Poesje». Pri la scenejo ni diru, ke ĝi vidigas sin al la spektatoroj per granda truego du metrojn larĝa kaj unu metron alta. Ruĝa tuko similas la kurtenon, kaj kiel nuran ornamilon en tiu pratempa festsalono, oni supre de la scenejo admiras, brute desegnitan, blazonon de Antverpeno.

Se ni plie aldonas, ke straba harmonikisto en la dekstra antaŭangulo reprezentas la orkestron, ni diris ĉion, kion oni pri tiu kelo devas rakonti. La ludo de la pulĉineloj efektive estas tiu de ĉiuj marionetaj teatroj, kaj tro multaj inter nia belga samideanaro havis ankoraŭ, antaŭ ne tiom multe da jaroj, la okazon ilin vidi en siaj propraj urboj, por ke ni ne devu ilin priskribi. La pupoj estas agigataj per du feraj stangoj ligitaj al la kapo kaj al la dekstra brako, kaj la lingvo, kiun oni al ili paroligas, estas emfaza, troiga, iafoje kruda, ofte tamen sprita.

Ĝis antaŭ kelkaj jaroj, oni en tiu kelo organizis regulajn reprezentadojn, kiujn oni povis ĉeesti kiel en alia teatro. Nuntempe, oni luas la salonon al societoj, kaj preskaŭ ĉiuvespere, almenaŭ dum la vintra sezono, la membraro de iu loka grupo plenigas la malnovan teatron, amuzejon de niaj geavoj.

Maur. SEHEDE.

# CLOTILDE kaj ALEXANDRE SAKHAROFF.

Tiu kiu ilin vidis, eĉ nur unu fojon, ne povas ilin forgesi se li ŝatas la arton en ĝia plej pura formo. Ili dancus sep tagojn sinsekvantajn kaj multnombraj estus tiuj kiuj sepfoje, kun kreskanta entuziasmo, ĉeestus ilian reprezentadon.

La intereso por tiuj du artistoj povas nur kreski precipe kiam ili kelkfoje dancas la saman numeron. La kaŭzo estas ke iliaj dancoj ne nur esprimas animstaton sin eksterigantan per graciaj kaj belaj korpmovoj. Ilia vizaĝo ankaŭ, movebla kaj esprimoplena, tradukas fidele ĉiun internan senton.

En «Visione del Quattrocento» Alexandre Sakharoff, fervora amanto de l'primitivaj pentristoj, aspektas kiel juna Firenzana monaho. Naivaj, mistikaj kaj piaj teniĝoj nin transportas al la epoko kiam animplenaj artistoj pentris neforgeseblajn tolojn.

En «Danse Sainte» (Sankta Danco), Clotilde Sakharoff revivigas primitivan virgulinon. En ŝiaj gestoj, teniĝoj kaj vizaĝesprimoj oni trovas la tutan historion de Mario. Ŝia naiva miro je l'anuciacio, ŝia akcepto je la Dia volo, la vizio de l'venontaj suferoj, la rezignacio de pia animo!

Vere, tiuj dancoj donis duoblan ĝuadon: ĝuado kiun oni sentas antaŭ bela pentraĵo; ĝuado kiun oni sentas pro poezia atmosfero.

Ŝajnos iom strange kiam mi aldonos ke «Visiono» kaj «Sankta Danco» tre bone povus esti dancataj sen akompanado de muziko. Plenaj je poezio en si mem kaj donantaj, post ĉiu nova movo, la impreson de alia pentraĵo ili, laŭ mi, ne bezonas muzikon. La artistoj tiam povus doni tutan liberecon al sia fantazio kaj kompreno de la ellaborotaj dancoj.

Plej interesa ankaŭ estas «Pavane Royale» (Reĝa Pavodanco). Vere kiam oni vidis Al. Sakharoff en tiu numero oni sin sentas for de l'XX-a jarcento. Baldaŭ vin envolvas l'atmosfero koketa, flatema, fierega kaj luksa de l'epoko de la «Reĝo Suno».

En la «Valse du Chevalier à la Rose» (Valso de l'Rozokavaliro) kaj en «Chanson Printanière» (Printempa Kanto), Clotilde Sakharoff donas al ni la sumon de beleco, gracieco kaj freŝeco.

«Golliwog's Cake Walk», «Caprice de Cirque», (Cirkokaprico) kaj «Chanson Nègre» (Negra Kanto) estas plenaj je spriteco, dum «Valse Rouge» (Ruĝa Valso), «Dans les Bois» (En l'arbaroj) estas la triumfo de l'amo kaj de l'beleco.

Danco neforgesebla, se oni ĝin povas nomi dancon, estas «Laŭ Goya» kiu eksterigas la Hispanan animon, pasian kaj amsopireman, en ĝiaj plej etaj nuancoj.

Por siaj kostumoj, kiujn Al. Sakharoff mem desegnis (la pentrado ne plu havas sekretojn por li) li kombinis la kolorojn plej mirinde. Ĉiuj detaloj perfekte zorgataj pruvas sperton de longe akiritan. Kaj kia antazio! Fantazio bongusta kaj mirinda!

Tiuj du artistoj,kies arto estas unika en sia speco,ne nur ĉarmas sian vidantaron,ili ankaŭ postlasas profundan senton.Ili dum kelkaj horoj forgesigas la vivon ĉiutagan, ĝiajn tedojn kaj ĉagrenojn. Ili altigas la animon kaj la koron per sia poezioplena arto. Mi dankas ilin kore pro la bela kaj sana emocio, kiun ili vekigas en la homkoroj kaj pro la belo per kiu ili ĉarmas la spiritojn.

Lucette FAES - JANSSENS.

---

# LA LUMO VENAS

de

H. I. KEYES.

En fremda lando, sur almoza lito!
Se koroj povus aŭdi, miaj ĝemoj
Ne nur pri l'korpo dirus, sed pri tremoj —
Ja preskaŭ agonio de l'spirito.

---

Ho hejmoj! ho alloga kara loko!
La forestanton kiel vi altiras!
Sanktejo vi al kiu homoj iras
Obee al natura korovoko.

---

Mi mem konforme al denaska emo,
Mondulo estis — ja ambiciulo;
Nun mi — senhejma kvazaŭ - almozulo —
Pentadas kaj puniĝas ĝis ekstremo.

---

Gajnaĵon vantan de kvazaŭa ĉaso —
Povdonan lokon — arde mi celadis;
Kun homoj mi labore fratiĝadis
Memserve, ne pro amo al la raso.

---

La mondo siaparte ne rifuzis
Al mi permeson provi planon mian,
Sed ĝi al mi ne donis pagon ian
Por fortoj miaj kiujn mi eluzis.

---

Tordigas min doloro! «Al mi restas
Nur tago — horo!» voĉo en mi diras
Dum min La Morto ŝajne al si tiras,
«Mi mortas, jes, sed kie nun mi estas?»

Noktmezas. Inter mi kaj lampo brila.
Ŝirmilo staras; preter ĝi mi vidas
Ke apud tablo en la lumo sidas
Fremdula homo juna kaj ĝentila.

---

La glata frunto kun densharа krono,
Okuloj, brovoj kaj vizaĝkonturo
En reliefo kontraŭ ombra muro
Pentrindaj estas sur malhela fono.

---

Silente li legadas libron ian
Fervore, sen malŝparo de laboro;
Por li laŭŝajne ĉiu pasa horo
Postulas specialan taskon sian.

---

Li arde al lernado sin oferas;
Por li la horoj ŝajnas vivi — ĉiu
Kvazaŭas bena alsendito kiu
Depeŝon donas kaj tuj malaperas.

---

Ekĉeso de stertorspirado mia —
Silento mortsimila — tuj lin vekas;
Sur mian frunton kiu febre sekas
Kompate falas mantuŝeto lia.

---

Nur Dikompato povas vin ĉesigi,
Ho dolorego kiu en mi regas!
Sed vin ne plu sklaveme mi timegas —
Vi povas premi min sed ne timigi!

---

Tra l'muro inter mondo kaj ĉielo,
Radio brileganta trafiltriĝas;
En ĝia lumo nube videbliĝas
Tramonda vojo kaj homtaŭga celo:

---

Se iu homo celos bonon sian
Sen ia plibonigo al aliaj,
Nenion gajnos li per fortoj siaj;
Sukceso ne kompensos penon lian.

Al tiu kies korobatoj sonas
Laŭtakte kun la koro de l'homaro —
Al tiu, pli kaj pli kun ĉiu jaro,
La mondo fidon kaj honoron donas.

---

« Ĉi tiuj versoj... estas frukto de aventuro mia, dum mi pasloĝis sola en unu vilaĝo. Mi delire ekmalsanis kaj en la deliro vagis de mia dometo. Kiam mi eldeliriĝis mi min trovis en fremda ĉambro, kaj juna fremdulo min flegis. Li estis kolegia studento en la somera libertempo. Li estis envoje al festa kunveno kiam li trovis min vaganta. »

---

# LA KATALUNLINGVAJ RUSILJONAJ AUTOROJ.

---

### STUDO DE JAUME GRAU CASAS.

**(Menciita en 11-aj Floraj Ludoj.)**

---

La fakto ke la «Kataluna Esperantista Federacio», organizinta la 11-ajn Internaciajn Florajn Ludojn, proponis premion al la temo: «Traduko de katalunlingvaj verkoj de Rusiljonaj aŭtoroj», pruvas, ke en la «hispana» Katalunujo oni rigardas kun fervora atento la konserviĝon kaj disvolviĝon de la kataluna lingvo sur la «franca» Katalunujo, sur tiu teritorio nomata katalune «Rosselló» kaj france «Roussillon» (Pyrénées Orientales).

Estas tre interese observi kiamaniere tiu lingvo konserviĝas kaj vivadas sur teritorio disigita de la cetera samlingva teritorio per ŝtata limo, eĉ ne estante akceptita kiel oficiala, nek publike instruata, kaj ricevante la potencan influon de la franca lingvo kaj de la franca kulturo.

Kaj pli miriga aperas la konserviĝo de tiu lingvo, se oni konsideras ke en neniu el la du ŝtatoj, la hispana kaj la franca, al kiuj politike apartenas ĝiaj parolantoj, ĝi havas la honorojn kaj privilegiojn de la oficialeco. Malgraŭ la najbareco (pli bone ni dirus: la invado) de du grandaj lingvoj kiel la hispana kaj la franca, ĝi plue ekzistas kaj tute ne ŝajnas esti sur la vojo al malapero.

Sed ne nur **konserviĝas** la lingvo: ĝi ankaŭ senĉese disvolviĝadas pro la florado de riĉa kaj abunda literaturo.

Kompreneble, la Katalunujo strikta donis la plej bonajn aŭtorojn katalunlingvajn; sed ankaŭ riĉigis la katalunan literaturon verkistoj el la Balearaj Insuloj, Valencio kaj Rusiljono. Dum la Mezepoko, kiam la kataluna estis oficiala ŝtata lingvo, la kataluna literaturo floradis samgrade aŭ samkvalite en ĉiuj el la nomitaj kvar katalunlingvaj regionoj; sed en la moderna epoko nur la verkistoj de la Katalunujo strikta atingis plenan maturecon. Tio okazis ĉar en la Balearaj Insuloj kaj

Valencio la kataluna lingvo estis tre «hispanigata», kaj en Rusiljono ĝi estis tre «francigata». Nur en Katalunujo la lingvo konserviĝis preskaŭ pura.

En la Rusiljona regiono, pro tio ke ĝi de post 1713 apartenas al la franca ŝtato, la kataluna lingvo suferis pli ol aliloke grandan aliiĝon, kvankam tiu aliĝo ne rompas la lingvan unuecon. Tio estas tre komprenebla, ĉar ne nur la franca kulturo havas pli grandan influon ol la hispana, sed ankaŭ la franca lingvo multe pli ol la hispana similas la katalunan.Tamen,la franca lingvo influis la katalunan, sed ne povis malaperigi ĝin. La lingvisto Morf trovas en la kataluna lingvo parolata en Rusiljono «lingvan angulon komplete apartiĝantan de la aro da dialektoj sudfrancaj koncerne la fonetikon, morfologion kaj leksikonon, ĝis tia grado ke tiu lingvo troviĝas tie-ĉi kiel io fremda». («Els factors historics de l'extensio del català, de A. Griera.)

Kaŭze de la aludita franca influo, la literatura renaskiĝo en Rusiljono estis, kvankam tre interesa kaj valora, iom malrapida. Sed jam en 1908 povis aperi «Anthologie Catalane: les poètes roussillonnais», kun francaj tradukoj en prozo, kiu prezentas vastan panoramon. (Aŭtoro: Jean Amade, direktoro de «Revue Catalane»). El la «Antaŭparolo» al tiu Antologio ni kopios kelkajn interesajn pecojn:

« Certes, la poésie catalane n'a pas trouvé dans le Roussillon le même développement que dans la Catalogne espagnole; et qui donc s'en étonnerait?... La race catalane française, malgré son activité et son amour-propre, nous semble bien moins passionnée pour les choses de son pays que la race catalane espagnole. Nous n'en voulons pour preuve que l'admirable Renaissance qui, secouant la Catalogne, réveillant les énergies de la race, fit éclore toutes ces œuvres que vous connaissez. Certes, les conditions où se trouvent les Catalans d'Espagne ne sont pas les mêmes que pour nous; nous devons tenir compte de toute leur passé historique, de l'éclat de leur ancienne littérature, des destinées mêmes de leur idiome,toujours parlé par le peuple en dépit des efforts pour le proscrire, de la situation économique et politique enfin, si grave et si importante pour des esprits catalans. Il faut le reconnaître, en effet,une renaissance littéraire et artistique était beaucoup plus facile à réaliser dans ce pays, d'ailleurs plus étendu que le nôtre et possédant surtout une très grande ville comme Barcelone, qui devait prendre la tête du mouvement et assurer ainsi le succès de la cause... Mais, sans vouloir commettre la sottise de nous comparer à ce point de vue aux Catalans d'Espagne, il est bien certain cependant que dans notre petite sphère nous pouvons faire beaucoup.»

Iom post iom la literaturo Rusiljona pliboniĝas; oni evitas la vortojn plene francajn kaj nur francajn; oni turnas la rigardon al la Barcelonaj aŭtoroj; oni forlasas la ortografion fonetikan kaj alprenas la etimologian; unuvorte, la Rusiljona literaturo komencas reflekti la perfektiĝojn, la definitivan fiksiĝon de la katalunaj gramatiko kaj vortaro.

La tasko repurigi la lingvon estas entreprenata konscie kaj metode. En la citita «Anthologie Catalane» oni legas:

«Ce que les Catalans d'Espagne ont réussi à faire pour leur pays. entreprenez donc de la faire pour le vôtre........... Nous ne nous décourageons pas, en songeant que les Catalans d'Espagne, déjà, durent se livrer à un pareil travail de reconstitution, furent obligés de retrouver certains termes disparus et indispensables, pour les restituer à la langue qui les possédait jadis, et de la débarrasser des castillanismes dont elle s'était vue envahie peu à peu. Quand une langue cesse pendant un certain temps d'être une langue littéraire et un instrument de culture, quand une langue ne concourt avec d'autres instruments de l'activité sociale qu'à la satisfaction des besoins matériels, elle peut s'enrichir dans un sens, mais elle s'apauvrit de l'autre, car si elle gagne peut-être en expressions pittoresques, elle perd certainement en vocables abstraits. Bientôt donc un immense domaine lui est interdit:le domaine de la pensée. Pour qu'elle y puisse pénétrer à nouveau,il lui faut reconquérir ses qualités primitives. C'est ce qu'ont bien senti les Catalans d'Espagne, dans leus légitimes ambitions littéraires.»

Jam en plena studo pri la lingvo kiun oni intencas vaste restarigi, oni rimarkas ke ĝi ne falis ankoraŭ en plenan dekadencon, kaj ama espero pri ĝia estonteco multobligas la kuraĝon.

«Le vocabulaire semble avoir beaucoup plus souffert que la syntaxe: les tournures catalanes dont se voit émaillé le français qu'on parle en Roussillon le prouvent surabondamment.»

La Rusiljonanoj sekvas la saman vojon de ni sekvitan. Kion oni konas, tion oni amas. Ili sentas pli kaj pli la unuecon de la lingvo, ĝian unuigan forton, kaj ĉiam kun pli granda konscio laboras por ĝia plena renaskiĝo. Per la jenaj vibrantaj vortoj finiĝas la Antaŭparolo al la «Anthologie Catalane»:

«On vous a jeté un défi en disant que les muses n'aiment pas notre catalan, que ses rudes sonorités les affarouchent. Ce défi, vous devez le relever, comme l'ont relevé déjà vos frères de Barcelone, de Valence, des Iles Baléares, et même d'Alguer... Ouvrez toute grande votre fenêtre à l'air pur de notre Roussillon, à la lumière qui baigne nos campagnes, aux rustiques parfums venus des mille plantes odorantes dont se couvrent nos radieuses cimes. Un spectacle sans pareil s'offre à votre vue; le Canigou dresse dans le lointain sa masse imposante. Qu'il soit votre symbole, votre signe de ralliement, et que le souvenir du grand poète (Verdaguer: la nacia poeto kataluna) qui l'a si magnifiquement chanté vous réconforte aux heures de doute, et soutienne jusqu'au bout votre souffle et votre inspiration.»

Ni rimarku, ke trans la Pireneo oni parolis, rilate al la kataluna lingvo, pri «rudes sonorités», same kiel tie-ĉi oni parolis, malpli ĝentile, pri «bojado de hundoj». Ni konsideru tion, kiel plej altan pruvon pri nia lingva unueco. Tia koincido en la «malbeleco» ambaŭflanke de la Pireneo pruvas almenaŭ ke la fama montaro tute ne estas «natura

landlimo». Se ni, «Katalunoj de Hispanujo»,malgraŭ nia «hunda bojado» atingis la posedon de plej bela kaj perfekta poezio kaj de energia kaj suka prozo, ni imagu kion povos atingi niaj fratoj «Katalunoj de Francujo», kiuj havas aferon nur kun «rudes sonorités».

Certe la Rusiljonaj aŭtoroj ne ankoraŭ estas atingintaj plenan disvolviĝon, ĉefe en la prozo kaj en la teatro, sed ili jam donis al la katatuna poezio tre belajn pecojn.

Jen, kiel ekzemplo, du el ili, kiuj estas tre karakterizaj, ĉar la sento de admiro kaj ĝojo pri la lumo («l'un des éléments de l'âme catalane», laŭ Jean Amade) konstante reflektiĝas en ili.

---

# NINO.

En la paca ĝarden', Nin', kun preĝo kaj kanto,
deŝiras bukedeton el ĉiu flora planto;
el ĉiu planto falas la plej odora flor'.
Nicefor', malproksime, kun ĝojo senmezura,
ŝin longe rigardadas kaj diras tre plezura.
«Kiele estas bela, vi Nin', por mia kor'!»

---

«Jes, prenu laŭ plezur' vi florojn la plej belajn,
en via bukedet' miksu blankajn, ruĝhelajn:
en ĝardeno neniu floret' egalas vin.
Vidante vin apude, ekhontas ĉiuj floroj
kaj de ili mallumas la plej helaj koloroj:
de l' lilio la blank', de l' rozo la karmin'.»

---

Por Nino, dek-kvinjara, printemp' floras magia,
ŝia korp' balanciĝas kiel palmo gracia,
kaj estas ŝiaj vangoj — ruĝdiantoj sur neĝ';
l' okuloj — du safiroj el stelaro ĉiela;
rigardo ŝia brilas kun pura hel' anĝela,
kaj ŝia voĉo havas sonorojn de arpeĝ'.

JAUME BOHER.

(El «Revue Catalane», Perpignan, 1911.)

# NINA.

Dins son jardi reclos, senzilla, prega i canta,
tot fent-se un ramellet, Ninà, de cada planta,
de cada brot, cullint la més hermosa flor.
Nicefora, de lluny, amb goig que no té mida,
la mira, se la bada, i dias son cor li crida:
«Bé n'ets de boniqueta, o Nina, mon amor!»

«Cull, si, llesta't a pler, de totes les més belles,
barreja en ton ramell les blanques, les vermelles;
de boniques com tu no en floreix el jardi.
Al veure't de tan prop, mira, s'avergonyeixen;
de cada una els colors los més vius s'enfosqueixen,
del liri la blancor, de la rosa el carmi.»

Dels quinze anys, per Ninà, floreix la primavera;
son bell cos té el balanç suau de la palmera;
ses galtes son clavells espellits sus la neu;
sos ulls son dos safirs robats a l'estelada;
és d'àngel lo més pur, el brill de sa mirada,
del cel un dolç resso de musica sa veu.

JAUME BOHER.

## AL FRAŬLINO KIU PETIS AL MI VERSOJN POR SIA ALBUMO.

Alportu, poetoj, al ŝi harmoniojn,
versstrofojn dolĉegajn kiel la miel';
ne estos tro riĉaj viaj poezioj:
ja ilin deziras ĉiela anĝel'.

Antaŭ ŝin faligu perlojn, diamantojn,
pluvojn de smeraldoj de plej hela bril';
eĉ se ili estus lumaj briliantoj,
ili mallumiĝus sub ŝia pupil'.

Por ŝi plektu kronojn el floroj plej belaj,
kiujn la aŭroro prenas el ĉiel';
se por ŝia frunto sufiĉas nur steloj,
ŝi ilin briligas kun pli granda hel'.

Sed la belulino de mi kion petas?
Kion mi proponos, simpla trobador'?
Nur doni mi povas arbaran floreton:
kiel ŝi ĝi estas balzam' por la kor'.

JUSTI PEPRATX.

(El «Anthologie Catalane: les poètes roussillonnais».)

### A UNA DAMISEL-LA QUE EM FEU DEMANAR VERSOS PER A SON ALBUM.

Portau-li, poetes, cants i harmonies,
estrofes xistoses o dolces com mel;
mai seran prou riques vostres poesies:
les vol per ses prendes un àngel del cel.

———

Feu ploure en sa falda diamants i perles,
ruixats d'esmeraldes de l'ull més brillant;
encara que fossen del Mogol esberles,
ses soles mirades les enfosquiran.

———

Teixiu-li corones de les flors més belles,
de les que l'aurora cull al firmament;
per son front de reina si basten estrelles,
les aviva encara ella somrient.

———

Mes de mi, l'hermosa, de mi què demana?
Què puc oferir-li, pobre trobador?
Tota ma risquesa és la flor boscana:
li do, pus com ella du bàlsam al cor.

JUSTI PEPRATX.

——:o:——

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — Sekve de la propaganda parolado de nia amiko D-ro Raym. Van Melckebeke en «Ecole Sup. des Sciences Commerciales Financières, Consulaires et Maritimes St. Ignace», S-ro Armand Van Assche komencis Esperanto - kurson en tiu instituto. La unua leciono okazis la 26an de Januaro. Ĉeestis pli ol 40 lernantoj. Ni dankas la profesoron pro lia sindona laboro kaj deziras al li grandan sukceson.

ANTVERPENO. «La Verda Stelo», enirante sian 20-an ekzistjaron, havis ĝeneralan jarkunvenon, la 23an de Januaro. La sekretario S-ro Boeren raportis al la membroj pri la granda agado de la grupo dum la lasta jaro. Pri tiu agado nia pasintjara kroniko elokvente atestas! La kasisto, S-ro E. De Coster, konstatis, ke, se la stato de la grupa kaso, kiel tiu de — ni supozas — ĉiu Esperanto-societo, ne estas brila, ni povas noti grandan laboron laŭ propaganda vidpunkto. Kiu diris do, ke malplena kaso estas la plej bona pruvo de la agemo de societo?

La prezidanto klarigis denove la sintenadon de nia grupo rilate al la organizo de la oficialaj kursoj de Esperanto, pri kiuj ni ĉiuj ĝojas. Ili estas rezulto de nia longjara, senhalta kaj pacienca penado por nia lingvo. Tiu unua triumfo tamen ne ebriigu nin: restas ankoraŭ multaj aliaj fakoj, kiujn ni devas almiliti. Pro tio la grupo devas konservi sian tutan kaj plenan liberecon de agado.

Danko estis esprimita al ĉiuj kunlaborantoj en la komitato kaj en la kursgvidado. Poste oni elektis la komitatanojn por la jaro 1926.

Sabate, la 30-an de Januaro, S-ro Maur. Sèhède faris interesan paroladon pri «Hamlet» de Shakespeare. Li pritraktis la du malsamajn eldonojn, kiujn oni nuntempe posedas de tiu ĉefverko, trastudis la devenon de la teatraĵo, kiu laŭ intriga vidpunkto estas kiel kopio de historia dokumento de iu Saxon Grammaticus, kaj fine analizis kaj resumis la dramon. S-ro H. Vermuyten agrabligis tiujn klarigojn per interesaj deklamadoj el la bela tradukaĵo de nia majstro.

---

# BELGA GAZETARO

ANTVERPENO. — «De Nieuwe Gazet» 18-1: favora raporteto pri la parolado pri «Eficienco» de S-ro M. De Ketelaere en «La Verda Stelo».

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» 12-12-25: noto pri la monhelpo de la urbestraro al la loka grupo; 19-12: decido pri Esperanto kiel klara telegraflingvo.

«Journal de Bruges» 18-1: decido pri Esp.-klara lingvo; eldono de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj kun Esperanta teksto en Ruslando.

BRUSELO. — «Le Peuple» 21-1: granda artikolo pri la graveco kaj efikeco de Esp. por la atingo de la socialisma programo.

VERVIERS. — «Le Courrier du Soir» 13-1: anonco pri la 11-a internacia Katolika Kongreso Esperantista, kiu okazos en Spa, Aŭgusto 1926.

---

# GRATULOJ

Al S-ro E. Urbach, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiu fianĉiĝis kun Fraŭlino A. Weinberg, el Saarbruecken.

---

# NEKROLOGO.

S-ro ANTOINE GOHR-TER BRUGGEN, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, subite mortis la 20an de Jan. Li estis 43-jara. Al lia vidvino kaj filineto ni prezentas nian sinceran kondolencon.

S-ro HENRI MOSSLY, 67-jara, mortis subite en Antverpeno, la 20an de Januaro. La mortinto estis multjara simpatianto de Esperanto, al kies movado li servis ĉiam, kiam okazo sin prezentis al li. Kiel sekretario de la Antverpena Asocio de Negocistoj - Eksportistoj, li multe helpis en la organizo de la Antverpena partopreno en la Komerca Eksperimento pri Esperanto de 1925. Al lia familio ni prezentas nian koran kondolencon.

S-ro Komandanto CHARLES LEMAIRE, mortis en Bruselo la 20an de Januaro. Li naskiĝis en Cuesmes, 1863. Li estis la unua prezidanto de Belga Ligo Esperantisto, funkcio kiun li rezignis en Septembro 1908 por sin dediĉi al la tiama reforma movado. Li mem verkis reform-projekton «I. L. O.» — Dum la lastaj jaroj li estis Direktoro de la Kolonia Universitato en Antverpeno. Laŭ nia scio, li sin ne plu okupis (almenaŭ ne publike) pri la internacilingva problemo. Ni prezentas nian kondolencan senton al la funebranta familio.

S-ro BAS, patro de nia samideano S-ro Lud. H. Bas, el Jette (Bruselo).

S-ro TH. CAUS, patro de S-ro Fr. Caus, membro de «La Verda Stelo», el Antverpeno.

S-ro J. J. VAN GANSE, patro F-inoj Al. kaj I. Van Ganse, el Antverpeno.

Al niaj trafitaj geamikoj ni prezentas nian koran kondolencesprimon.

---

# PROGRAMOJ.

Sub tiu ĉi rubriko ni konigas la programojn de niaj ligaj grupoj, kiuj sendos al ni la necesan materialon,koncize redaktitan,antaŭ la fino de ĉiu monato.

* * *

Grupo «La Verda Stelo», Antverpeno.

Febr. 20: 8a h. vesp. en «De Witte Leeuw»: monata oficiala kunveno de la membroj.

Febr. 27: 8a h. vesp. en «De Witte Leeuw»: antaŭlegado de F-ino C. De Buyser.

Marto 6: 8a h. vesp. en «De Witte Leeuw»: muzikvespero.

Marto 13 : 8a h. vesp. en «Quatre Nations», Cellebroedersstr.: maskobalo.

Marto 20: 8a h. vesp. en «De Witte Leeuw»: kantlernado, ludoj.

Marto 27: 8a h. vesp. en «De Witte Leeuw»: monata oficiala kunveno de la membroj.

---

# ESPERANTO FACILA

## LA URSO KAJ LA VULPO.

Estis malvarme. Frostis treege kaj la glacio estis dika kaj forta.

Renĉjo (1) la vulpo malsatis, ege malsatis. Ĝi rondkuris por trovi iom da manĝaĵo. Sed la kokinoj kaj la anserinoj restis en sia ejo kaj la kunikloj sidis varme en sia ternesto.

---

(1) Reinaert de vos, — le Renard, — Reineke Fuchs.

Renĉjo venis en la arbaro ĉe la rivereto.

Ĉio, glacio!

Estis truo en la glacio. Fiŝkaptisto estis hakinta tion. Renĉjo enrigardis ĝin. Fiŝeto venis por spiri. Jen! la vulpo kaptis la fiŝon. Ĝi atendis ankoraŭ iomete kaj denove iu fiŝo elakviĝis sian kapeton. Ho ve, kaptita!

Brunulo la urso staris ĉe la bordo de la rivereto kaj rigardis tra la arboj. Brunulo ŝatus ankaŭ ege manĝi sian fiŝeton.

«Kiel faras vi tion, Renĉjo?»

«Ne estas malfacile, Brunulo; vi kaptas la fiŝojn per la kapo kaj manĝas ilin.»

«For de tie ĉi, stulta Vulpo, diris la granda Urso, tiu truo estas por mi!»

Renĉjo obeis. Ĝi timis la krudan Urson kun liaj akraj ungegoj.

Brunulo volis kapti fiŝon. Ĝi ne estis sufiĉe rapida kaj la fiŝo fornaĝis sub la glacion.

«Venu tien ĉi, Vulpo, kaj lernu min kiel mi devas kapti la fiŝojn.»

«Ne estas malfacile, Brunulo. Vi havas belan voston frizitan. Metu tiun voston en la akvon de la truo kaj tiam la fiŝoj sin pendigos al ĝi.»

Brunulo metis sian frizvoston en la malvarman akvon. Ĝi atendis jam duonan horon, sed ĝi sentis ankoraŭ nenion ĉe sia vosto.

«Renĉjo kiam venas nun tiuj stultaj fiŝoj?»

«Atendu ankoraŭ iomete, Urso, mi diros tion al vi.»

Frostis kaj tiom frostis ke krakis! La akvo en la truo fermfrostis kaj la frizvosto de Brunulo la urso sidis jam bone fiksita en la glacio. Renĉjo vidis ĉion okazi.

«Urso, eltiru, via vosto estas kovrita de fiŝoj.»

Brunulo tiris, sed ho ve! La glacio ne maltenis ĝian voston.

«Mi ne kapablas, Renĉjo, helpu!»

«Tiru nur, Brunulo. Jen mi nombros: unu, du, tri!»

La urso tiris per granda forto, sed uj, uj, uj! ĝia vosto restis en la glacio.

La vulpo forkuris rapidege en la arbaron.

---

Estas tial ke Brunulo la Urso havas nur malgrandan, mallongan vosteton!

Tradukis W. De Schutter. El la flandra originalo:
«Binnen en Buiten» III de F. Van Hoof.

---

# PROBLEMOJ

No 1 (Januara numero, paĝo 14): Preseraro en la klarigoj pri nia unua problemo iom malhelpis ĝian solvadon. La linio 9 vertikale estas efektive legota: «9. — La fajrogardistoj multajn havas».

Pro tiu kaŭzo ni akceptos la solvojn de la januaraj problemoj ĝis la 28-a de Februaro.

* * *

No 3. — Sensimetria Krucvorta Problemo.

HORIZONTALE: 1. aĉulo; — 10. porcelana tero; — 11. kreskaĵo; — 12. bruo; 13. kreskaĵo; 14. mezurilo; — 15. amika; 18. riverego; — 19. altoficulo; — 21. sufikso; — 22. ne multnombra; — 23. parto de ŝrapnelo; — 24. maristoj ĝin uzas por sciigi lastan novaĵon okaze de ŝipdrono; — 25. du vokaloj; — 26. kamparano tion faras; — 27. estas en la okulo; —31. popolo; — 32. scienco.

VERTIKALE. — 1. junuloj timas; — 2. kreskaĵo; — 3. kaŭzo de ĉiuj niaj malfeliĉoj; — 4. reĝo el la malnova historio; — 5. muzikaĵo; — 6. fortranĉis la harojn de Samsono; — 7. araba vilaĝo; — 8. birdo; — 9. ŝtonbora arto. — 16. Romeo kantis sub la balkono de Julieto; — 17. kun amo estas ege interesa por ĵurnalo; — 20. parto de la intesto; — 23. altrangulo; — 26. parto de Evangelio; — 28. konjunkcio; — 29. du apudaj konsonantoj; — 30. greka litero; — 31. kun «o» estas mallongigo.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | | 7 | 8 | 9 |
| 10 | | | | | | ■ | 11 | | |
| 12 | | | | | ■ | ■ | 13 | | |
| 14 | | ■ | ■ | 15 | 16 | 17 | ■ | 18 | |
| 19 | | | 20 | | | | | ■ | |
| 21 | | ■ | 22 | | | | ■ | 23 | |
| | ■ | 24 | | | | | ■ | 25 | |
| | ■ | ■ | | ■ | | ■ | 26 | | |
| 27 | 28 | 29 | | 30 | ■ | 31 | | | |
| 32 | | | | | | | | | |

4. Reordigu la literojn; la tria de ĉiu vorto, akrostike donos vorton. kiun ĉiuj veraj Esperantistoj devus praktiki.

1. Idorudfeĉ; 2. Borskorod; 3. Trimetans; 4. Satfokatro; 5. Nasdrokela; 6. Rutocerlat; 7. Jiroponi.

1. tranĉis la viskon per ora falĉileto; 2. ujo en kiu oni rikoltas la vinberoj; 3. igas en alia loko; 4. malfeliĉa okazintaĵo; 5. fama Macedona reĝo; 6. loĝejo de rampulo; 7. la unuaj Esperantistoj.

---

5. Kiu valo moviĝas?

* * *

Solvojn oni sendu al ni antaŭ la 20-a de Marto 1926, prefere skribitajn sur poŝtkarto. En la lasta numero de la 12-a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Belaj premioj estos aljuĝataj.

---

# LA ĈASGARDISTO.

Estis terura nokto. La fulmotondro bruegadis kun timegiga fortego. Fulmobriloj sinsekvis seninterrompe, kaj ekmontriĝis malbonsigne sur le malhelega ĉielo. La ventego bruegis kaj siblegis en la arboj. Pluvego falis torente. Estis kvazaŭ la naturo ribelis kontraŭ la kampa trankvileco. En la dometo de la ĉasgardisto, lia filino maltrankvile atendis sian patron. Horoj jam forpasis depost kiam li forlasis la domon por ekfari sian devon. Horoj kiuj al ŝi ŝajnis jarcentoj, kaj tiu terura vetero kompreneble ne kapablis plibonigi sian humoron. La plej diversaj konjektoj jam trapasis sian kapon. Ĉu eble okazis iu malfeliĉo al li? Kiu scias? Ĉu eble unu aŭ alia ŝtelĉasisto mortpafis lin el embusko. Eble li kuŝas nun ie kun traborita brusto. Subite ŝi aŭdis la bruon de alproksimiĝantaj paŝoj. Preskaŭ samtempe oni ekfrapis al la pordo. Kuri al la pordo kaj malfermi tiun ĉi estas laboro de nur unu momenteto. Kaj kion ŝi vidas? Kvar personojn kiuj enirante portas homan korpon. Estis ŝia malfeliĉa patro. Ve! ŝi ekkrias kun korpremego, mia antaŭsento veriĝis. Ĉu li mortis? ŝi demandas al unu el la viroj. Nu, silentu, tiu ĉi respondas. Ĉu vi do ne vidas, ke li estas tiel terure ebria, ke li ne plu kapablas teni sin sur la kruroj.

---

# SPRITAĴOJ

**BONA GUSTO.**

Li. — Karulino, ĉu vi volas edziniĝi je mi?

Ŝi. — Edziniĝi mi ne povas je vi, Dolf, sed mi ĉiam rememoros vian bonan guston!

* * *

**LA PERMESO.**

— Ĉu vi permesis al tiu junulo vin kisi?

— Ne, panjo, por tio li ne lasis al mi la tempon!

NASKIĜANTA TALENTO.

— Kion faras via filo nuntempe?

— Ho! li laboras en teatro; hieraŭ li kunludis en la «Freischuetz».

— Hoho! en la «Freischuetz»! Kaj kiun rolon li plenumis?

— Tiun de la apro en la lupoĉaso.

* * *

BONA EDUKADO.

Instruisto. — Kiu povas doni al mi ekzemplon, praviganta la proverbon: «De majesta ĝis ridinda estas nur unu paŝo».

Lernanto. — Kiam mia patro volas min bati, kaj li ricevas pro tio batojn de mia patrino...

---

# DIVERSAJ KOMUNIKOJ.

L'ETOILE BELGE. — Pro forgeso en la presejo, noteto forfalis je la fino de la artikolo de nia kunlaboranto M. Séhède pri **Ludoviko David.** Ni intencis ja sciigi al niaj legantoj, ke la ĵurnalo «L'Etoile Belge» tre afable kaj senpage pruntedonis al ni la kliŝojn, kiuj akompanis la cititan, artikolon, kaj pri kiuj ni kore dankas.

---

ESPERANTAJ GRAMOFONDISKOJ «LINGUAPHONE».

1. **Serio Literatura kaj Oratora.** — Kvin diskoj du-flankaj kun enhavo el la **Paroladoj, Prozo kaj Poezio** de D-ro L. L. Zamenhof kaj D-ro Edmond Privat. — Kun ĉiu diskaro estas sendata foliaro kun la presita teksto de la paroladoj, poemoj k. t. p.

2. **Serio Instrua.** Dek kvin du-flankaj diskoj. Prezentas kompletan kurson de Esp. en tridek leciono. Ĉiu leciono konsistas el serio de praktikaj frazoj pri iu sfero de la ĉiutaga vivo kaj specimena interparolo pri la sama temo. Belega lernolibro akompanas ĉiun diskaron. En ĝi troviĝas apud la teksto de la lecionoj, tridek bildoj kun responda enhavo kaj seslingva vortaro. La lernolibro estas aparte havebla, kiel ankaŭ pli grandaj bildoj por uzado ĉe kursoj.

Ĉiuj Esperantaj diskoj parolitaj de D-ro Edmond Privat. Tiu fakto garantias la purecon de la elparolo.

Similaj kursoj estas preparitaj en la lingvoj Angla, Franca, Germana, Hispana, Itala, Afrikholanda.

Pri prezoj kaj pagokondiĉoj si turni al la Tutmonda Disvenda Agentejo «The Esperanto Institute Limited», Welwyn Garden City, Herts,Anglujo.

---

La PRESERARA DIABLETO sin okupis speciale pri nia numero de Januaro. Tiuj legantoj, kiuj konas la maŝinkompostadon tre bone komprenas, ke kelkaj eraroj povas resti eĉ post multfoja korektado, precipe

kiam temas pri tekstoj en Esperanto, kompostitaj de ne-esperantisto. Sendube ĉiuj korektis la faritajn erarojn. Ni tamen devas klarigi pri paro de gravaj el ili en la teksto de la Liga regularo. Oni legu:

Art. 13. — 8a linio: «aliĝintaj per la grupoj».

Art. 16. — 2a linio: «Belgaj Kongresoj. Ĝi komisias lokan komitaton».

Art. 16. — 7-a linio (fino): «Rajtas ĝin...»

## LETERKESTO

B. F. el B. — Ni ricevis vian komunikon. Aperos en la numero de Marto.

F. C. el M. Laŭ koncepta vidpunkto, via poeziaĵo certe taŭgas sed laŭ tiu de verskonstruo, ni tamen devas atentigi vin pri la fakto, ke en Esp. rimi, nur per gramatikaj finaĵoj, vere ne sufiĉas. Tio okazis dufoje en via skribaĵo. Ni korektos laŭbezone.

Edm. el G. — Ni ricevis vian duan leteron. En unu el la sekvantaj numeroj aperos pri tiu prozodia demando, artikolon kiun ni jam ricevis antaŭ iom da tempo, sed kies aperado devis esti prokrastata. Vi pri ĝi povos tiam skribi vian vidmanieron.

R. K. et L. — Via soneto aperos en la numero de Marto. Ĉar la tuta poezio estas kunmetita laŭ regula versmaniero, ni ne ŝatas vian ŝanĝproponon. La formo eble ŝajnas iom stranga, sed ĝi tamen estas uzata de Zamenhof, Grabowski kaj multaj aliaj el niaj plej bonaj verkistoj.

## BIBLIOGRAFIO.

### TURISMA FAKO.

Ĝojiga fakto estas ke pli kaj pli, vizitindaj urboj uzas esperanton por diskonigi sian famon kaj inviti la turistojn. Lasttempe, ni ricevis:

BRAJTONO (Brighton) Anglujo, 16-paĝa, 18 x 12 cm-oj.

QUEDLIMBURG, Germanujo, Preussen, 6-paĝa malfadebla folio, 22 x 15 cm-oj.

ZURICH (Svisujo), Lukse eldonita broŝureto 16-paĝa, 18 x 12 cm-oj. Tiuj broŝuretoj estas haveblaj senpage ĉe la diversaj turismaj oficejoj de la menciitaj urboj.

ANTWERPEN. — La metropolo de la Flandra Arto kaj de la Komerco. Okpaĝa flugfolio, eldonita de la Urba Propaganda Informservo. 16.5 × 11 cm.

SVISLANDO. KARTO KAJ GVIDILO POR LA TURISTO. — Bela karto de Svisujo: 61 × 41 cm. Eldonita de la Svisa Centra Turisma Oficejo Zürich kaj Lausanne. — Faldita en 12 partoj, portante dorse utilajn sciigojn. — Senpage havebla. — Bela eldonaĵo reklama. Laŭ Esperanta vidpunkto ni bedaŭras kelkajn preserarojn, kiujn la eldonistoj certe korektos en dua eldono.

SVISLANDO. TURISTA KARTO. — Bela karto de Svislando : 59 × 45 cm. Eldonita de la Svisa Fervojo Federala, publikiga servo Bern. Faldita en 12 partoj, dorse provizitaj per 12 bildoj kaj utilaj sciigoj por vojaĝantoj tra Svisujo. Tiun ĉi belan karton oni senpage akiras, skribante simplan poŝtkarton al S-ro F. Schoofs, ĉefdelegito de U. E. A. en Antverpeno, 11. kleine Hondstraat.

INTERNACIA FOIRO DE LYON. — 1-a ĝis 15a de Marto 1926. Okpaĝa ilustrita propagandobroŝuro eldonita de la Esperanto-Fako, Hôtel de Ville Lyon. 21 × 13.5 cm. Senpage havebla.

OFICIALA KLASIKA LIBRO DE ESPERANTO. — Franca, angla kaj germana parto. — Verkita de Grosjean - Maupin E. en la «Kolekto de la Akademio». — Eldonita de la Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (9e) Paris. — 1924. 128 paĝoj de 10 × 15.5 cm. Prezo: fr. Fr. 3.—.

La enhavo konsistas el: Oficialaj dokumentoj: El la Deklaracio pri Esperantismo, Konsiloj pri la enkonduko de novaj vortoj en la komunan lingvon, Plena gramatiko de Esperanto de L. L. Zamenhof; Radikaro de Esperanto: franca, angla kaj germana tradukoj zorge korektitajn kaj kompletigitajn; Listo de la radikoj ĝenerale internacie kompreneblaj; listo de la internaciaj radikoj, kiuj estas troveblaj en la Vortaro de Kabe; Ĉefaj Landnomoj, notoj pri la formo de la nomoj de Provincoj kaj urboj. Tiu libro devas gvidi ĉiun, kiu skribas en Esperanto. Kun la Fundamento de nia Majstro ĝi devas esti en la mano de ĉiu Esperantisto: ĝi estas nia «Kodo».

THE INTERNATIONAL RADIO MANUAL. — By Harry A. Epton F. B. E. A. Eldonita de la «The British Esperanto Asocn., Inc., 17, Hart Street, W. C. I. London. 1925, 80 paĝoj de 10.5 × 16,5 cm. — Prezo: 6 d.

Bonega teknika propaganda broŝuro uzota por varbi anglo-parolantajn radiofonistojn.

CONNOR. GERMANA - ESPERANTO KONVERSACIA LIBRO. — Por la uzo en lernejoj kaj en vojaĝoj kun vojaĝa vortaro de James Connor. Por la lingvo Esperanto prilaborita de Robert Kreuz, kaj M. Butin. Estas lernolibro de la metodo de Gaspey-Otto-Sauer, eldonita de Julius Groos, Heidelberg, 1924. 276 paĝoj de 11,5 × 16 cm. Prezo: nemontrita.

Estas certe tre grava fakto, ke la mondkonata eldonejo de la libroj por lingvo-studo laŭ la metodo Gaspey-Otto-Sauer ankaŭ prenis libron pri Esperanto en sia kolekto. Laŭ nia scio tiu libro estas la plej komplete ĝis nun aperinta t.n. «konversacia libro». Ĝi estos tre utila al tiuj, kiuj — ekkoninte la simplan gramatikon de nia lingvo — deziras laŭ praktika maniero funde lerni Esperanton. La ampleksa praktika frazaro kondukas la studanton en ĉiuj kaj ĉiaj fakoj de la vivo.



CONSULTEZ ! Les Livrets = Guides du Touriste (Guides Thiolier)
LA FRANCE ENTIÈRE EN 17 RÉGIONS
Chaque Région 3F.00
Boulogne
Lille
Bruxelles
BELGIQUE
NORD
III
Cherbourg
Sedan
Luxembourg
MANCHE
le Havre
Rouen
Seine
Reims
II
Metz
IV
Caen
PARIS
NORMANDIE
& ENVIRONS
I
LORRAINE-ALSACE
Strasbourg
St Malo
St Brieuc
Brest
V
Rennes
VOSGES
BRETAGNE
Vannes
Quimper
VII
Orléans
Troyes
Belfort
TOURAINE
MORVAN
Nantes
Loire
Avallon
St Nazaire
Bourges
IX & Dijon
FRANCHE-COMTÉ
JURA
X
Tours
BOURGOGNE
VENDÉE
Poitiers
BERRY
SUISSE Rde
CHARENTES
la Rochelle
VIII
Mâcon
Genève
OCÉAN
VI
Clermont-Fd
Lyon
Royan
Limoges
XII
SAVOIE
Angoulême
LIMOUSIN
AUVERGNE
XI
&
ATLANTIQUE
& XIII
Grenoble
Périgueux
Aurillac
DAUPHINÉ
Bordeaux
PÉRIGORD
Mende
Arcachon
Gap
Garonne
Cahors
Millau
Rhône
PYRÉNÉES
Nîmes
Nice
XIV
Biarritz
PYRÉNÉES
XVI
Côte d'Argent
Toulouse
Montpellier
Cannes
Marseille
Pau
Languedoc
CÔTE D'AZUR
Luchon
XV
CORSE
Perpignan
Ajaccio
MER
MÉDITERRANÉE
MARCEL Thiolier
Éditeur à PARIS XIe
10, Bould du Temple, 10
Chèques Postaux 227-72
XVII
Oran
Alger
Bône
Tunis
Tanger
MAROC-ALGÉRIE-TUNISIE
Sfax
Casablanca